# IRĖJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N-ro : 17/18 Februaro-Marto 1997 / Báhmán-Esfánd 1375

## Ĉu . . .? kaj jen!





سبز اندیشان

شماره ثبت : ۹۰۸۵

کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو

تهران، صندوق پستی ۱۸۴-۱۷۷۶۵

Sábz Ándiŝan

reg.n-ro : 9085

Esplor-aplikada instituto pri Internacia lingvo Esperanto

● IREJO-Bulteno خبرنامه داخلی مؤسسه غیرانتفاعی سبزاندیشان ●مدیر مسئول : محمدرضا ترابی

● همکاران این شماره : محمدجواد کمالی، منیره ف. ، محمود میربزرگی ، حمزه شفیعی ، غلامرضا آذرهوشنگ



**IREJO - Bulteno**

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaboranto : Monire F. □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Tel&Fakso : (+98) 21 6626913 ■


**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Fondita en 1372(1993), Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto***: M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba Nuri Máĝd (Virinaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6626913.
- ***Komisiitoj*** :
- Ábdollah Hákim Neĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO
- D-ro Keyhan Sayadpour (Azia agado) p/a : P.O.Kesto : 91375-3988, Máŝhád. Tel&Fakso : +98 51 649489

## Saluton!

Estimataj gesamideanoj!

Nia bulteno jam perdis sian akuratecon dum la pasintaj ses monatoj kaj tio havis/as kialojn;

Unue la fondiĝo de "Instituto Sábz Ándiŝan" duonigis nian forton! ĉar ekzistas multaj taskoj kiujn ni devas plenumi.

Due pro la aperita desegnaĵo en la antaûlasta n-ro(15a), ni estis/as terure premataj ĉar laû kelkaj ni faris ne pardoneblan pekon kaj pro tio indas oni pendumi la redaktoron kaj la koncernan desegniston!(Dio gardu nin), do simple nia poveco eluziĝis pri tiuj ĉi infanecaj aferoj ol la movadaj aferoj.

Trie al mi okazis tro da ne atenditaj personaj malfacilaĵoj kiujn mi devis solvi kaj kvare mi devis partopreni en la Monda Junulara Forumo okazinta en Vieno(Vidu la raporton sur la paĝoj 13-15 ).

Ĝuste la plej grava kialo ankaû restas en tio ke por aperigi la bultenon en akurata ritmo simple oni bezonas kontribuaĵojn! Do mi atendos via(j)n kontribuaĵo(j)n, jam venis la tempo, oni senkonserveco pridiskuti la aktualiajn okazaĵojn en la nacia movado.

Atendante via(j)n kontribuaĵo(j)n,

La Red. 

---

Ĉi numere : Paĝo



کپی La Esperantisto اولین نشریه اسپرانتو زبان ضمیمه این شماره می‌باشد.

Ĉi-somere, dum pli ol kvin semajnoj (de 29 junio ĝis 4 aŭgusto), invite de la franca ŝtato kaj dank' al la franca ambasadorejo en Irano, mi vojaĝis en Francion cele al partopreni en la someraj kursoj de Grenobla Univesitato por profesoroj. Rilate Esperanton, dum mia restado, mi povis renkonti plurajn esperantistojn, kiuj sindone laboras por E-o. Certe, antaŭ la vojaĝo, mi havis korespondadon kun kelkaj francaj e-istoj kaj asocioj.

La unua semajno, tre okupita en Grenoble, mi nur kontaktis telefone kun du e-istoj, kiuj min anoncis bedaŭre, ke ili estas vojaĝontaj eksterurben por la someraj ferioj. La dua urbo en mia vojaĝplano estis liono (Lyon), dua granda urbo en la lando. Tie, grupo da lionaj gesamideanoj atendis mian alvenon. Je sabato, 6an de julio, mi ĉeestis en kunveno kun dek membroj de la loka grupo C.E.R.L (Centro Esperanto de la Regiono Liona). Ni gaje babilis pri diversaj temoj. Mi dankas ilin pro donacitaj libroj, gazetoj kaj kasedo. Bedaŭrinde estas, ke mia restado tie estis tre mallonga.

Post tiu freŝiga E-etoso liona, mi jam antaŭĝojis renkonti samideanojn en la aliaj urboj de mia vojaĝplano, sed malfeliĉe mi ne sukcesis kontakti tiujn kies adresojn mi havis. Oni min diris, ke ili ferias!

Parizo estis por mi la lasta urbo, en kiu mi havis la ŝancon renkonti kun kelkaj gee-istoj kaj viziti la E-an centron U.F.E (Unuiĝo Franca por Esperanto). Tie, s-ro Schmidt le Roi, kiel reprezentanto de la centro, min bonvenigis ĉarme en la posttagmzo de 1-a de aŭgusto. Ni longe parolis pri la nuntempa situacio de E-o en Irano kaj en Eŭropo, ktp. Ankaŭ tie, mi havis la okazon koni du ĉinajn E-istojn : s-ro Wei Shan kaj lia 12 jara filino, kiu bone parolis E-on. Laŭ-dire ili estis vojaĝantaj tra Eŭropo per E-o kaj loĝadis ĉe volontulaj E-istoj. Mi ricevis en U.F.E. Esperantajn librojn kaj gazetojn kaj krome mi aĉetis laŭ mia deziro, kelkajn francajn librojn pri Esperanto.

La tuta vojaĝo estis por mi (rilate al E-o) neforgesebla pruvo, ke la alpreno de neŭtrala kaj internacia lingvo, facile komprenebla de ordinaraj homoj en kiu ajn mondparto, malfermas fenestrojn al aliaj landoj kaj popoloj, faciligas ĉiajn rilatojn inter ili en maniere neniel atingebla per alia metodo. Mi forlasis Francion kun granda sento de dankemo pro la privilegio donita al mi, akiri dum la vojaĝo, novajn e-istaj geamikojn, ks.

M.DJ. Kamali

UEA-D kaj FD en Máŝhádo

## *Manifesto de Prago*

de la movado por la internacia lingvo Esperanto

***Ni, anoj de la tutmonda movado por la progresigo de Esperanto, direktas ĉi tiun manifeston al ĉiuj registaroj, internaciaj organizaĵoj, kaj homoj de bona volo, deklaras nian intencon firmvole plu labori por la celoj ĉi tie esprimitaj, kaj invitas ĉiun unuopan organizaĵon kaj homon aliĝi al nia strebado.***

Lanĉita en 1887 kiel projekto de helplingvo por internacia komunikado, kaj rapide evoluinta en vivoplenan, nuancoriĉan lingvon, Esperanto jam de pli ol jarcento funkcias por kunligi homojn trans lingvaj kaj kulturaj baroj. Intertempe la celoj de ĝiaj parolantoj ne perdis gravecon kaj aktualecon. Nek la tutmonda uzado de kelkaj naciaj lingvoj, nek progresoj en la komunikad-tekniko, nek la malkovro de novaj metodoj de lingvo-instruado verŝajne realigos jenajn principojn, kiujn ni konsideras esencaj por justa kaj efika lingva ordo.

**1. Demokratio**. Komunika sistemo kiu tutvive privilegias iujn homojn sed postulas de aliaj ke ili investu jarojn da penoj por atingi malpli altan gradon de kapablo, estas fundamente maldemokratia. Kvankam, kiel ĉiu lingvo, Espranto ne estas perfekta, ĝi ege superas ĉiun rivalon en la sfero de egaleca tutmonda komunikado.

*Ni asertas ke lingva malegaleco sekvigas komunikan malegalecon je ĉiuj niveloj, inkluzive de la internacia nivelo. Ni estas movado por demokratia komunikado.*

**2. Transnacia edukado**. Ĉiu etna lingvo estas ligita al difinita kulturo kaj naci(ar)o. Ekzemple, la lernejano kiu studas la anglan, lernas pri la kulturo, geografio kaj politiko de la anglalingvaj landoj, precipe Usono kaj Britio. La lernejano kiu studas Esperanton, lernas pri mondo sen limoj, en kiu ĉiu lando prezentiĝas kiel hejmo.

*Ni asertas ke la edukado per iu ajn etna lingvo estas ligita al difinita perspektivo pri la mondo. Ni estas movado por transnacia edukado.*

**3. Pedagogia efikeco.** Nur malgranda procentaĵo el tiuj kiuj studas fremdan lingvon, ekmastras ĝin. Plena posedo de Esperanto eblas eĉ per memstudado. Diversaj studoj raportis propedeŭtikajn efikojn al la lernado de aliaj lingvoj. Oni ankaŭ rekomendas Esperanton kiel kernan eron en kursoj por la lingva konsciigo de lernantoj.

*Ni asertas ke la malfacileco de la etnaj lingvoj ĉiam prezentos obstaklon por multaj lernantoj, kiuj tamen profitus el la scio de dua lingvo. Ni estas movado por efika lingvoinstruado.*

**4. Plurlingveco.** La Esperanto-komunumo estas unu el malmultaj mondskalaj lingvokomunumoj kies parolantoj estas senescepte du aŭ plurlingvaj. Ĉiu komunumano akceptis la taskon lerni almenaŭ unu fremdan lingvon ĝis parola grado. Multokaze tio kondukas al la scio de kaj amo al pluraj lingvoj kaj ĝenerale al pli vasta persona horizonto.

*Ni asertas ke la anoj de ĉiuj lingvoj, grandaj kaj malgrandaj, devus disponi pri reala ŝanco por alpropriĝi duan lingvon ĝis alta komunika nivelo. Ni estas movado por la provizo de tiu ŝanco.*

**5. Lingvaj rajtoj.** La malegala disdivido de potenco inter la lingvoj estas recepto por konstanta lingva malsekureco, aŭ rekta lingva subpremado, ĉe granda patro de la monda loĝantaro. En la Esperanto-komunumo, la anoj de lingvoj grandaj kaj malgrandaj, oficialaj kaj neoficialaj, kunvenas sur neŭtrala tereno, dank' al la reciproka volo kompromisi. Tia ekvilibro inter lingvaj rajtoj kaj respondecoj liveras precedencon por evoluigi kaj pritaksi aliajn solvojn al la lingva malegaleco kaj lingvaj konfliktoj.

*Ni asertas ke la vastaj potenco diferencoj inter la lingvoj subfosas la garantiojn, esprimitajn en tiom da internaciaj dokumentoj, de egaleca traktado sen distinge pri la lingvo. Ni estas movado por lingvaj rajtoj.*

**6. Lingva diverseco.** La naciaj registaroj emas konsideri la grandan diversecon de lingvoj en la mondo kiel baron al komunikado kaj evoluigo. Por la Esperanto-komunumo, tamen, la lingva diverseco estas konstanta kaj nemalhavebla fonto de riĉeco. Sekve, ĉiu lingvo, kiel ĉiu vivaĵospeco, estas valora jam pro si mem kaj inda je protektado kaj subtenado.

*Ni asertas ke la politiko de komunikado kaj evoluigo, se ĝi ne estas bazita sur respekto al kaj subteno de ĉiuj lingvoj, kondamnas al formorto la plimulton de la lingvoj de la mondo. Ni estas movado por lingva diverseco.*

**7. Homa emancipiĝo.** Ĉiu lingvo liberigas kaj malliberigas siajn anojn, donante al ili la povon komuniki inter si, barante la komunikadon kun aliaj. Planita kiel universala komunikilo, Esperanto estas unu el la grandaj funkciantaj projektoj de la homa emancipiĝo-projekto por ebligi al ĉiu homo partopreni kiel individuo en la homara komunumo, kun firmaj radikoj ĉe sia loka kultura kaj lingva identeco, sed ne limigite de ili.

*Ni asertas ke la ekskluziva uzado de naciaj lingvoj ne eviteble starigas barojn al la liberecoj de sinesprimado, komunikado kaj asociiĝo. Ni estas movado por la homa emancipiĝo.*





*Letero el Bosnio.*

*Sarajevo 17-12-1996*

*Karaj geamikoj,*

*... Ni dankas pro la sendita IREJO-Bulteno. Ĝi liveras sufiĉe da interesaj novaĵoj kaj raportoj pri via vigla agado, kaj ni certas ke la Esperanto-movado en Irano havas bonon perspektivon. Kun bondeziroj por via agado en la nova jaro 1997(laŭ okcidenta kalendaro), amike vin salutas.*

Senda Ĉoliĉ, Prezidanto

ESPERANTO-LIGO DE BOSNIO KAJ HERCEGOVINO

M.Preloga 4, BA-71000 Sarajevo, Bosnio

*Estimataj samideanoj,*

*Mi gratulas al vi, al mi kaj al tuta Irana Esperantistaro. Mi deziras al vi progrespienan, ĉiam sukcesan, viglan kaj senlacan agadon.*

*Mi ankaŭ petas de vi kaj de ĉiuj samideanoj sinceran, estimplenan kaj paceman inter-rilaton.*

Elkore mi salutas vin

M.E.Samanipur, UEA D(kaj FD) en Ŝirazo

*Estimataj gesamidanoj!*

*Gratulon al vi pro la establo de "Sábz Ándiŝan" . mi esprimas mian pretecon por helpi ĉiuokaze "Sábz Ándiŝan"on.*

Sincere via

D-ro Hejdár Ráŝidi - Torbáte Ĝamo

(Honora membro de Internacia Societo de Amikeco kaj Bonvolo)

ازاینکه به تأسیس، کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو موفق گردیدید. بسیار خوشحال شدم. علاقه‌مند به همکاری با شما هستم و آماده‌ام تا هر گونه کمکی را در اختیار شما قرار دهم.

*اردوان نیکنام ، شیراز*

... بسیار خوشحالم که چنین کانونی با همکاری و مساعدت شما دوستان عزیز به وجود آمد. امیدوارم تبریکات صمیمانه‌ام را بپذیرید.

*زهره شامندی - اصفهان*

*Okaze la vojaĝo de la ĝenerala direktoro de UEA, s-ro Osmo Buller al Vieno, Radio Aŭstrio Internacia-Esperanta Redakcio- faris intervjuon kun li, kio estis elsendita je la 9-an de Novembro 1996. Ĉar la intervjuo estis pri la Irana movado, do ni surpaperigis tion informcele por la gesamideanoj.*

*La Red.*

RAI: Estis hazardo kaj nia bonŝanco ke la ĝenerala direktoro de la Universala Esperanto- Asocio, s-ro Osmo Buller, vizitis Vienon. Jen ni faris kun li mallongan intervjuon.. Aŭskultadon do mi petas :

"Saluton s-ro Buller! mi tre ĝojas saluti vin sincere en la studio de nia Radio Internacia Esperanto Redakcio."

**Osmo.Buller** : Jes, la ĝojo estas reciproka.

RAI: Vi vizitis Vienon por mallonga vizito, sed ĉu vi diros al la geaŭskultantoj kio estas la kaŭzo de via vizito?

_ : La kaŭzo de tio ke mi venis ĝuste nun, estis ke ĝuste en tiu-ĉi tempo, ĉi tie en Vieno, estas du Iranaj E-istoj, interalie Reza Torabi kiu estas la ĉefa aktivulo de la Irana Esperantista Junulara Organizo. Li kaj alia E-isto el Irano partoprenis ĉi tie en Vieno en Monda Forumo de Junularo, kiun organizis Unuiĝintaj Nacioj. Entute estis sep E-istoj kiuj reprezentis nian junularan sekcion, TEJOn en tiu ĉi junulara forumo; kaj tamen mi ne venis por tiu junulara forumo, sed ĝuste por paroli kun Reza Torabi pri diversaj aktualaj demandoj rilate la evoluon de E-o kaj de la Esperanto-movado en Irano. Ĉar ni scias ke multo okazas en Irano, kaj ni multon ankaŭ aŭdas, aŭ tut-precize ne aŭdas sed legas pri la evoluo de la movado tie, sed tamen la informo ne estas sufiĉe perfektaj kaj tial estas tre utile povi rekte diskuti kun unu el ĉefaj Iranaj aktivuloj kaj jam en la pasinta Universala Kongreso en Prago, la estraro de UEA diskutis pri tiu afero kaj tiam oni pensis ke estus tre utila se, ekzemple mi, povus nome de UEA iri al Irano por tie surloke konatiĝi kun la movado. Sed tamen Vieno estas tre proksima al Eŭropo ol Tehrano, kaj ankaŭ ne estas vizoj kaj aliaj burokrataĵoj kiujn oni devas mendi por povi iri tien kaj tial ni kaptis tiun ĉi okazon ĉi tie en Vieno renkonti Reza Torabi, kaj tamen ni ne rezignis pri la ideo ke reprezentanto de UEA vizitu Iranon. Ni eventuale realigos tiun viziton en aprilo; ĉar en aprilo kunsidos en Rotterdamo la estraro de UEA kaj eventuale survoje al tiu estrar-kunsido aŭ sur-voje hejmen el estrar-kunsido, nia prezidanto profesoro Lee Chong Yeong povus halti por du aŭ tri tagojn en Tehrano kaj ankaŭ pri la ebleco de tiu vizito mi intencas paroli kun Reza Torabi ĉi tie kaj por iom ankaŭ prepari tiun viziton tiel ke ĝi estus pli utila ol ĝi estus sen ia antaŭ-preparo.

## Komunike

RAI: Nepre vi estas preparanto de la vojo de la prezidanto.

_ : Jes, Jes, rilate tiun viziton, sendube, sed mi estas preparanto ankaŭ por la tuta estraro de UEA, ĉar mi devas pretigi raporton por la estraro pri la nuna stato de la Esperanto-movado de Irano kaj . . .

RAI : Kion vi nun jam sciis? Kio estas la nuna pozicio de Esperanto-aktivado en Irano?

_ : La ĉefa tute lasta-tempa afero kiu okazis en Irano estis ke oni oficialigis tie instituton kies ĉefa celo estas disvolvigi E-on kaj esplori kaj instrui ktp. la internacian lingvon kaj tiun instituton ni devas danki al la Irana Esperantista Junularo kaj ĝuste iliaj aktivuloj sukcesis akiri oficialan agnoskon por tiu instituto. Do tiu signifas ke nun en Irano estas oficiala strukturo, oficiala organizaĵo kiu povas okazigi aferojn kiujn ne povus okazigi unuopuloj aŭ E-istaj organizaĵoj kiuj ne estas registritaj flanke de la oficialaj instancoj.

RAI : Estas ege grava paŝo tio en Irano . . .

_ : Jes, tio estas tre granda paŝo kaj oni povas diri ke ĝi estas eĉ pli granda paŝo ol oni povis akiri en iuj aliaj landoj kie ĝenerale ne estas tiom da problemoj kiel estas en la specialaj cirkonstancoj en kiu la E-o movado devas agadi en Irano. Tiu instituto, cetere, ĝi ne havas en sia nomo la vorton "Esperanto", ĉar laŭ mia kompreno en Irano estas leĝo kiu malebligas uzi en oficialaj nomoj, ekzemple de organizaĵoj, vortojn kiuj ne estas vortoj de la persa lingvo, kaj tial ankaŭ la nomo de tiu instituto, ĉi tie oni ne parolas pri e-istoj aŭ pri E-o sed pri verda penso aŭ verdaj pensuloj aŭ alia, kiu estas interesa afero sed tamen la statuto de la instituto diras ke le ĉefa celo rilatas al Esperanto, kaj E-o estas menciita en la statuto ĉiukaze.

RAI: Kiel ili povis tion akiri? Ĉu vi scias detalajn pri tion?

_ : Mi ne scias pri ĉiujn detalojn. Certe tiu estis malfacila afero, kaj tre tre komplika. Sendube Reza Torabi povas mem rakonti iom pli pri tio, sed mi scias ke daŭras almenaŭ du aŭ eble tri jaroj la tuta proceduro, ĉiuj tiuj preparatoj, kiujn ili revis eltiri al kiu postulis du aŭ tri jarojn, do estis granda laboro kiun oni devis fari, kaj mi tre admiras unuflanke la kuraĝon kaj aliflanke la energion kaj persistemon de tiuj junaj homoj tie.

RAI : Do, kiu tempo vi flanke de UEA povis ilin iom subteni aŭ ne estis ebla?

_ : Mi vere ne povis konkrete subteni ilin kaj tio verŝajne ne estas sen kialo , ĉar tamen temis pri pure Irana interna afero. Ili devis aŭ interesi aŭ interesigi kaj la oficialaj instancoj aranĝi ion. UEA neniel povis oficiale interveni, kaj ankaŭ la Iranoj ne petis de ni tian intervenon, ĉar tiu intervenoo de UEA ne estis helpinta, eble estis malhelpinta.

RAI : Kaj kion vi nun povas fari por ili?

_ : Do, nun ni daûrigas tion kion ni faras jam de multaj jaroj ke ni subtenas Iranajn E-istojn per livero de lerno-materialoj, kaj tre grava estas ankaû membrigo de Iranaj E-istoj en UEA, pere de Fondaĵo Canut. Tamen multaj Iranaj E-istoj povas ankaû mem pagi la kotizon, sed al multaj tio ne eblas kaj tial ni daûre dependas de donacoj de E-istoj el aliaj landaj donacoj al tiu fama fondaĵo Canut.,el kiu ankaû fakte se mi bone memoras ĉirkaû 40 aû 50 Iranaj E-istoj en tiu ĉi jaro povis esti membrigitaj, sed la bezono estas pli granda, sed bedaûrinde la mono ne sufiĉas por membrigi ĉiujn kiuj volas kapti la okazon. Por ke la aûskultantoj pripensu ĉu ili povus fari etan donacon al fondaĵo Canut de UEA, ĉar tio ebligos membriĝo en UEA, ne nur al Iranoj sed ankaû al alilandaj E-istoj kiuj vere en la tria mondo estas centoj kaj miloj da e-istoj kiuj volus esti membro de UEA. Por ili membreco de UEA signifas ion multe pli ol ĝi signifas ekzemple por ni E-istoj ĉi tie en Eûropo. Ĉar por ni membreco en UEA estas io rutina afero, oni simple pagas la kotizojn, jen oni komencas ricevi la revuon kaj jarlibron. Sed por la tria-mondanoj tio estas io multe pli grava kaj multe pli granda kaj multe malfacila kaj ni temas nun pri tio ke estas malfacila pagi la kotizon sed la membreco en UEA signifas al ili multe pli por tio ke ili ege malofte kaj multaj neniam havas eblecon renkonti alilandajn E-istojn. Sed membreco al UEA donas al ili la senton ke ili tamen estas parto de tiu internacia movado. Kaj en tie ĉi niaj Eûropaj landoj kie oni povas daûre renkonti alilandajn E-istojn kaj partopreni en Internaciaj E-o aranĝoj. Do ni ĉi tie ne scias plu doni ekzemplo la tria-mondaj E-istoj kaj tiun ĝojon por ebleco esti membro en Universala Esperanto-Asocio, tiun ĝojon ni ĉiuj povas donaci al ili pere de fondaĵo Canut de UEA.

RAI : Mi tre dankas al vi, bedaûrinde nia programo estas sufiĉe mallonga, do la intervjuo estis sufiĉe longa parto de nia programo.

_ : Jes, koran dankon al vi kaj ĉar la jaro jam preskaû finiĝas, mi volas kapti la okazon por nome de mi kaj nome de Universala Esperanto-Asocio deziri ĉion plej bonan kaj belan al la aûskultantoj dume venonta jaro, dume venonta Adelajda jaro 1997, kaj ankoraû agrablan festo-tagon.



RAI : Dankon

*Intervjuis : Prof-ino Katinjo Fetes-Tosegi*

*PAROLAS EL NEÛTRALA LANDO PER LA NEÛTRALA LINGVO!*

*Radio Aûstrio Internacia, Esperanto-fako*
*AT-1136 Wien*
*Tel-Fakso : 0043 1 87878-3630 aû 4404. E-poŝto : info@rai.ping.at*



*Renkontante la novan jaron 1376!*




*8a IREJO-Renkontiĝo*

*" Antaŭ Novruza Renkontiĝo "*

*Dato : 24-12-1375 (14-3-1997)*

*Ejo : La sidejo de IREJO*

*Detalaj informoj :*

*Tel-Fakso : 021 6626913 kaj 021 4506503*




*53a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO*

*ASSISI-ITALIO, La 24an ĝis la 31an de julio 1997*

*Ĉefa temo :*

*LA HOMO: ĈU SUPER AŬ PARTO DE LA NATURO?*

Aliĝilo :

Alessandro Amerio, via Cumiana, 45, I-10141 TORINO, ITALIO

Tel. +39/11/3854200 Fakso +39/11/545731

Retadreso : a.aerio@agora.stm.it

Programkontribuojn :

Francesco Amerio, via Volante 16, I-10133 TORINO

Fakso +39/11/3190271

Retadreso : f.amerio@agora.stm.it

*Atenton!*

La Faks-numero de IREJO estas ŝanĝita. Jen la nova Faks-numero : 0098 21 6626913

La antaŭ-anoncita ret-adreso de IREJO jam ne plu funkcias, baldaŭ oni ekhavos novan ret-adreson, atendon!

فراخوان مقاله

کانون سبزاندیشان ، به منا سبت صد و دهمین سالگرد انتشار زبان بین المللی اسپرانتو، در نظر دارد کتاب یادبودی منتشر کند. بدینوسیله، اسپرانتودانان علاقه‌مند، به همکاری دعوت می شوند . محتوای کتاب : دکتر زامنهوف ، زبان اسپرانتو ، جنبش بین‌المللی زبان اسپرانتو و بحث و بررسی در زمینه های فوق به زبان فارسی خواهد بود. مقالات به صورت تالیف و ترجمه ( با ارسال متن اصلی ) مورد پذیرش می‌باشند. از کسانی که مقاله هایشان پذیرفته شود قدردانی خواهد شد . علاقه‌مندان مقالات خود را به نشانی تهران صندوق پستی ۱۸۴-۱۷۷۶۵ و یا نمابر ۶۶۲۶۹۱۳ (۰۲۱) ارسال نمایند.

## Raporto pri Viena vojaĝo

De la 25a ĝis 29a de novembro 1996, la Monda Junulara Forumo en la kadro de Unuiĝintaj Nacioj okazis en la Viena centro de UN. TEJO kiel internacia junulara organizo partoprenigis siajn reprezentantojn en tiu internacia junulara forumo.

Post diversaj kaj tro multaj malfacilaĵoj mi kaj F-ino Máhŝid F.Áziz Mohseni sukcesis atingi Aŭstrion por ĉeesti en la Monda Junulara Forumo kiel la reprezentantoj de TEJO el Irano (pri akiro de la vizo kaj aliaj aferoj eble mi skribu historion!).

Lunde la 25-an de novembro 1996 je la 7a horo ni atingis la junulargastejon en kiu antaŭe estis rezervitaj ĉambroj al ni kaj ankoraŭ ne enmetante niajn valizojn en la antaŭ-rezervitaj ĉambroj, ni devis kune kun la aliaj partoprenantoj iri al la urbo-domo de Vieno por la solena malfermo de la forumo.

Estis mia revo partopreni en internaci-nivela kunveno de gejunuloj kaj tiu realiĝis en la forumo. De proksime mi konatiĝis kun diverslandaj gejunuloj kaj ni interŝanĝis niajn ideojn kaj vidpunktoj kun unu la aliaj.

En la forumo estis lanĉitaj 10 labor-grupoj rilate al la junularo, mi kaj Joĉjo(Usono) estis en la labor-grupo "Junularo kaj komunikado" en kiu okazis ardaj kaj akraj diskutoj, tre utilaj kaj plenvaloraj.

TEJO en la forumo partoprenigis 7 gereprezentantojn, inter ili 2 estis rektaj reprezentantoj(sen mencio de la nacieco en la prezent-karto) : Francesco d'Arcia (Kastoriko) kaj Nora Csiszar(Hungario) kaj 5 aliaj alportis la nomon de TEJO kaj sia propra lando : Joseph Truong TEJO-Usono, Guj Raherinarivo kaj Emmanuele Randrianasolo : TEJO-Madagaskaro, M.Reza Torabi kaj Máhŝid F.Aziz Mohseni TEJO-Irano.

Al mi estis ege interesa organizado de la forumo kaj mi multon studis pri tiu afero. Mi akiris variajn informojn pri junularo kaj ties aktualaj problemoj kaj idealoj.

Nia partopreno en la forumo alportis neantaŭe imageblan avantaĝojn. Flanke de la Irana registaro ankaŭ estis partoprenitaj 4 uloj kaj ili ege estis interesitaj renkontinte nin kiel TEJO reprezentantoj. Ili komence bombardis nin pri TEJO kaj Esperanto, al ili estis tre interesa ke Iranaj gejunuloj reprezentas internacian organizon en la forumo. Flanke de la Irana ambasadorejo en Aŭstrio iu oficisto vizitis nin kaj ni respondis al lia demandaro pri Esperanto kaj nia organizaĵo TEJO.

Flanke de la Irana delegacio en la Viena oficejo de Unuiĝantaj Nacioj ankaŭ respondeculo vizitis nin kaj nin invitis al tagmanĝo por esprimi la kontenton de la delegacio pri nia aktivado ĉar laŭ ili ni ĝentile ankaŭ prezentis Iranan junularon.

La respondeculo de la Irana delegacio ĉe UN-oficejo en Vieno tiom estis entuziasmita pri nia agado kiu proponis al ni pripensi la okazigon de regionaj kaj Aziaj E-seminarioj kaj kunvenoj en Irano promesante ke la ministrio pri eksterlandaj aferoj sincere kunlaboros kun ni kaj li mem jam trovis E-on utila por la societo. Al li estis tre valorinda ke ni sen helpe de iu enlanda organizaĵo, sendepende kaj dece estas Iranaj reprezentantoj en la forumo. Dum mallonga tempo mi sufiĉe interparolis kun li kaj espereble nia kontakto en Vieno fruktodonos utile en Irano.

La partopreno de 7 gejunuloj Esperantistaj el 5 landoj de 4 kontinentoj estis okulfrapa kaj plensignifa. Dum la forumo multaj personoj legante mian prezent-karton demandis min pri TEJO kaj mi responde al ili klarigis ĝian signifon kaj donis informaĵon pri nia verda lingvo al ili. Multaj el ili miregis ke ĉu en Irano ankaŭ ekzistas Esperanto?! kaj tiu movado estas tiom forta ke Iranoj reprezentas E-organizaĵon en internaciaj kunvenoj?

Post kvin taga diskutado kaj laborado la forumo finiĝis je la 29a de novembro kaj la posta okazos en 1998. Laŭ mi, nia partopreno estis tute sukcesa kaj TEJO vigle kaj lerte montris sian vizaĝon al la ekstera mondo. Por ontaj okazaĵoj mi proponas akuratan antaŭplanitan programon flanke de TEJO. Ni havas multan ŝancon en similaj internaciaj kunvenoj. TEJO partoprenigu diverslandajn gejunulojn, kaj tiu ago alportas profundan efikon rilate la disvastigo de la movado (kiel jam okazis).

Dum la forumo ni disdonis informaĵon pri E-o kaj TEJO kiuj estis preparitaj en diversaj lingvoj, mi aprobante tiun agon proponas ke TEJO ade partoprenigu sian reprezentanto(j)n en la similaj kunvenoj senĉese, laŭ mi tiu ago krom la prestiĝo alportos bonajn avantaĝojn al la movado kiu ekzemple okazis pri ni en Irano, kaj la elspezita mono kompare kun la akirita situacio ne estas rimarkinda.

Post la fino de la forumo ni adiaŭis aliajn gesamideanojn kaj ili forveturis al siaj landoj. Mi kaj f-ino Mohseni restis en Vieno por renkonti la ĝeneralan direktoron de UEA s-ro Osmo Buller. Ja estis oportuna okazo ĉar ne ĉiam IREJO-aktivuloj havas eblecon vojaĝi al Eŭropo kaj ni havis

multon por diskutadi kaj interparoli kun s-ro Buller kiel UEA ĝenerala direktoro.

En la 5an de decembro 1996 mi detale interparolis kun s-ro Buller pri nia aktivado kaj farita agado en Irano. Ni kune vizitis la Esperanto-redakcion de la Internacia Aûstria Radio kun afabla akcepto de Prof-ino Katinjo la direktorino de la E-redakcio kies afablecon mi neniam kapablos forgesi. S-ro Osmo Buller, mi kaj f-ino Mohseni estis intervjuitaj flanke de la Radio Aûstria Internacia. Ankaû ni kune kun s-ro Buller kaj prof-ino Katinjo vizitis la Internacian Muzeon de Esperanto en Vieno kaj kelkajn E-asociojn kiel la Aûstria E-asocio kaj la Aûstria-Esperanto Federacio.

Dum 9 tagoj nin akompanis kaj helpis Hispana afabla samideano Pedro Pablo studento en Vieno, ankaû la prezidanto de la Aûstria Esperanto-Junularo Axel leitner, kaj mi esprimas mian elkoran dankon al ili ambaû.

Post 14 tagoj sperto-riĉaj kun karaj memoroj pri la belega urbo Vieno kaj Vienaj gesamideanoj je la 8a horo dimanĉe la 8-an de decembro 1996, mi kaj f-ino Mohseni ekflugis al Tehrano. Irana junulara movado kun nia vojaĝo al Vieno spertis novan horizonton kaj mi esperas ke niaj spertoj estu utilaj por la aliaj por pliviglígi la disvastigantan movadon en nia lando.

En la fino, mi esprimas mian dankemon al ĉiuj gesamideanoj kiuj iele kunhelpis nin por la sukcesa vojaĝo kaj mi precipe dankas al Jimmy Stryhn Meyer(TEJO-vicprezidanto), . Pasquale Zapelli(Direktoro de la CO). Osmo Buller(Ĝenerala Direktoro de UEA), TEJO kaj UEA.

*M.Reza Torabi*

*Pollando, Ĉu lando de ŝtelistoj?!*

Nia vojaĝanta samideano ĉi-foje rakontas pri sia neagrabla sperto en Pollando, eble ĉi-foje li estis malbonŝanca. Ni memoru ke tiaj malbonaj spertoj povas okazi ĉie; sed tiel ŝajnas ke ne estis unua fojo ke oni ŝtelis monon de nia samideano en Pollando, do ni legu lian priskribon.

La Red.

Je la 13a de novembro 1996, laŭ nia antaŭplano dum UK en prago, mi devis vojaĝi al Pollando(Urbo krakovo) kaj gvidi internacian kurson de Yumeiho*. Mi komencis mian rondvojaĝon al Eŭropo el Francio kaj post Germanio per trajno mi veturis al Krakovo el Berlino. Estis nokta trajno kaj mi pensis ke estas bone por ŝpari tempon veturi tiel. En kupeo estis mi kaj iu knabino el Ukrainio. Dum nokte kiam mi estis en teritorio de Pollando kaj ni trankvile estis dormataj, hazarde mi sentis ion okazon. Subite mi ekvekiĝis kaj vidis, iu juna kaj forta viro estas en nia kupeo kaj prenas mian jakon. Mi tuj kaptis lin kaj volis alvoki konduktoron aŭ iun policiston; sed tuj venis kvar aliaj personoj kaj ordonis lasi lin se mi ne volus oni bati min. Neniu deziris helpi min. Eble la aliaj timis de ŝtelistoj. Do devige mi lasis la ŝteliston kaj ne plu povis dormi, ĉar ŝtelistoj en Pollando estas liberaj kaj ne timas de policistoj. La kialon mi poste pli bone komprenis. Je la 18a de novembro mi devis flugi al Rumanio por instruado kaj kuracado. Mi matene ekveturis el Krakovo per trajno por atingi al Varsovio kaj de tie flugi al Rumanio. Kiam mi envagonigis, en ĝia koridoro mian vojon blokis 2 junaj knaboj kaj en iu momento ŝtelis mian monsakon. Ili estis kvar personoj, 2 el ili estis antaŭ mi kaj la aliaj malantaŭ mi. Mi sukcesis kapti 3 el ili; sed mi ne povis ion fari kaj devis atendi ĝis kiam atingi al Varsovio, ĉar ne ekzistis policistoj en trajno kaj konduktoro diris al mi ke li ne rajtas serĉi iliajn poŝojn. Kiam ni atingis Varsovion, laŭ nia antaŭtelefono el la trajno, stacidomaj policistoj venis ĉe la vagono kaj arestis la ŝtelistojn. Tamen en policejo, ili enmetis la ŝtelistojn en iu fermita ĉambro sen mi kaj poste diris al mi nenion trovis ĉe ili kaj ne povas pruvi ilian ŝtelon. Kiam mi insistis ke okazis ŝtelo(preskaŭ 2200 Usonaj Dolaroj) kaj klarigis ĉion kaj la manieron de ŝtelo kaj diris pro kio mi kaptis ilin kaj ĝuste ne aliajn kaj se vere(mi eĉ dubas pri Pollandaj policistoj) ne troveblas mono ĉe ili, nepre ili donis la monon al la alia kolego kiu forkuris. La policistoj minacis min, se mi ne sukcesos pruvi tion, oni enmalliberigos min de 6 monatoj ĝis 5 jaroj!



Post mia akcepto kaj insisto komenciĝis teatrludo. Ili aranĝis grupon(6 personoj) inter ili estis 1 ŝtelisto en iu ĉambro kaj oni alvokis min por distingi la ŝteliston inter ili. Mi estis tre kolerata; ĉar mi mem arestis ilin kaj nun devus sekvi stultan scenaro. Ili ne aŭskultis mian proteston kaj faris tion kion volis. Pasis 3 horoj kaj fine ili prenis mian adreson en Irano kaj Pollando(adreso de mia amiko D-ro Opoka) kaj promesis poste informi min pri rezulto. Sed ĉiuj diris al mi, ili nenion faros kaj tuj lasos la ŝtelistojn! Pro tio okazas ĉiu tage pli ol 100 foje ŝtelado en ĉiuj staci-domoj de Pollando sed neniu arestas ilin. Ĉu tiel ŝtelistoj devas timi pro siaj agadecoj? Ĉu policistoj eble pro manko de salajro ne kunlaboras kun ŝtelistoj kaj fine kial neniu zorgas pri sekureco de homoj? Ĉu sekureco kun socialismo flugis el Pollando? Do vere ĉu nun Pollando ne estas lando de ŝtelistoj?

*Gholam-Reza AZARHOUSHANG*

* *Yumeiho-Terapio :*

*Yumeiho-terapio estas Japana kurac-metodo iniciatita pere de D-ro Saijonji Masayuki. Yumeiho estas ĉinaj vortoj(du vortoj) kiu signifas "Ekvilibro de koksosto". Laŭ Yumeiho baza kazo por diversaj malsanoj estas delokiĝo de koksosto. Do ĝi unue okupiĝas pri ĝustigado de ekvilibro de koksosto. Yumeiho kiel prevento kaj kuracmetodo inkluzivas de 3 diversaj orientaj naturaj kuracmetodoj; 1- speciala masaĝo 2-akupresuro 3-ĝustigado de skleta sistemo kaj artikoj. Ĝi kiel tre sistematika naturterapio okupiĝas por enordigi tutan korpon kaj normaligi sango cirkuladon kaj limfatika cirkulado kaj alitigado de vivenergio kiel preventa metodo kaj kuracado de diversaj malsanoj ĉefe rilate al mova sistemo kaj muskolaraj problemoj sen bezono de operacio kaj medikamento.*

---

*kun afableco, pureco kaj graco kaj plenplena de humanaj sentoj kaj molkoreco . . .*

Thomas Carlyle (mondfama Filozofo)

*Ho, universo, kio okazus se uzante vian tutan potencon kaj forton en ĉiu tempo vi kreus alian Ali-on kun tia saĝo, tia koro, tia lango kaj kun tia zulfakaro kaj lin vi donacus al la mondo?*

George Geordac(mondfama Araba verkisto-kristano)

*El la libro: Ali, la simbolo de humaneco, verkite : S. Morteza Mirbaqian*

*En la persa-islama kulturo de Irano, Imamo Ali estas la plej amata. Lin Iranoj elkore amas, eĉ tiuj kiuj ne estas islamanoj. Ĉi-tiu paĝo estas dediĉita pri Imamo Ali.*

## Imamo Ali
## la unua imamo de ŝiaistoj, en la okulo de erudiciuloj

*En la tuta Arablingva mondo ne troviĝas eĉ unu homo kiu ne kredas ke post La Nobla Korano kaj la paroloj de la sankta profeto, la paroloj de Ali estas la plej noblaj, la plej elokventaj, la plej signifoplenaj kaj la plej edekventoj . . .*

Ŝejĥ Muhammad Abduh,

la eksestro de la universitato Alazhar kaj mondfama pacemulo(sunaisto).

*Amikeco kun Ali estas kontraŭ infera ŝirmilo.*

Muhammad Ibn-e Edris Ŝafei,

la ĉefgvidanto de la relegio Ŝafei(sunaisto).

*Ali, nia sinjoro, similas al la kreno kies ŝelo estas aliaj popolanoj.*

Ĥatb Ĥarazmi (Fama oratoro kaj scienculo)

*Ali estis pli elstara ol ĉiuj eminentuloj de la mondo kaj li estis la ununura ekzemplo de la tempo kies egalan kopion en la pasinta kaj nuntempa mondo oni vidis nek en la orienta nek en la okcidenta monda.*

Ŝebli Ŝomajjal, fama araba sciencuIo(materialisto)

*La parolo de Ali estas malpli alta ol la parolo de Dio kaj pli alta ol la parolo de la homo.*

*Ali estas la plej elokventa en sia tempo kaj en aliaj tempoj.*

*Estas grandioza Dio de la universo kiu enmetis mondon de sageco, elokventeco en la ekziston de unusola viro.*

*. . . Arabo ne konis lian dignon kaj valoron ĝis popolanoj el persio ekstaris kaj distingis la diferencon inter Juvelo kaj ŝtoneto . . .*

Ĝ.Ĥalil Ĝibran

mondfama poeto en Araba kaj Angla lingvoj.(kristano)

*Paroli pri Imam Ali, spirite ne estas pli malvalora ol preĝi en la preĝejo.*

laŭ la libro "Al-imam Ali" verkita de

Solajman Kattani.(kristana esploristo)

*Sed Ali... ni ne devas fari ion krom lin ami ĉar li estis noblulo tro altranga kaj animgranda.*

*Lia konscienco estis la fonto de boneco, el lia koro flamadis la flamoj de amo kaj epopeo. li estis pli brava ol la leono sed lia kuraĝo estis miksita*



### *UEA-prezidanto, ĉu en Irano?*

Espereble la prezidanto de UEA, fine de marto vizitos Iranon por ke deproksime konatiĝu kun Iranaj Esperantistoj kaj la situacio de Esperanto-movado en Irano. IREJO laŭ sia vico renkontante la okazon prilaboras aranĝi kunvenon en Tehrano. Jam Irana Esperantistaro atendas la prezidanton. ■

### *Mazi Esperanto-kurso en "Golha" kulturdomo*

Ekde 17-10-1375(6-1-97), estas lanĉita Mazi-kurso en Golha kulturdomo kiun gvidas M.Reza Torabi. La kurso konsistas el Mazi kaj rekta metodo de Ĉe kaj tiu estas subtesto kaj post la akiro de la rezulto, oni decidos pri la okazigo de similaj E-kursoj en aliaj kultur-centroj. ■

### *Semajnaj kunsidoj*

Regule ĉiu marde IREJO-aktivuloj kunsidas en Báhmán kulturejo de la 16a ĝis la 18a horo. Dum la kunsido la ĉeestantoj foliumas la ricevitajn periodaĵojn, leterojn kaj la plej freŝajn novaĵojn pri la movado enlande kaj eksterlande. Ĉiu semajne preskaŭ 12 gesamideanoj ĉeestas en la kunsido. ■

### *Koresponda Esperanto-kurso*

Reklamante en la nacia gazetaro, IREJO lanĉis korespondan E-kurson tra la lando. La instrua komisiono en IREJO respondecas pri la programo. En la komenco, aron da leteroj ni ricevis en kiuj oni postulante detalajn informojn pri la kurso entuziasmiĝis eklerni la lingvon kaj al ĉiuj estis sendita detalaj informoj pri la kurso. Jam estas ricevita de 70 urboj pli ol 200 leteroj. ■

### *Ĉu IJK en Turkio aranĝonte de IREJO?!*

Keyhan Sayadpour, -IREJO komisiito pri Azia agado- iniciatis la ideon ke IREJO okazigu IJK-on en Turkio! Kaj ĉi terene oni pridiskutis la aferon kun kelkaj aktivuloj. S-ino Fáráĝi promesis serioze esplori la fareblecon de la ideo. Ĉar en Irano pro la diversaj problemoj oni ne povas okazigi internacian kunvenon, do venis la ideo ke IREJO tiun aranĝu en la najbara lando Turkio. Jam Keyhan Sayadpour proponis la ideon al TEJO kaj ĉi rilate ĉiaj proponoj estas ege bonvenaj al la asocio. ■

### *Okazinta la 2a IREJO-ekskurso*

Vendrede la 27an de Mehr (14an de Oktobro) estis aranĝita la 2a IREJO-ekskurso en kiu partoprenis 23 geesperantistoj. La ekskursejo estis Sángan, belega, vidinda montpejzaĝo proksime de Tehrano.

La ekskursoj ĉiu monate estas aranĝataj, interesatoj sin turnu telefonante aŭ telekopiante ĉe : (021) 6626913 ■

### *Ade amaskomunikade pri Esperanto*

Dum la pasinta kristana jaro 1996 Esperanto estis vaste prezentita en Irana amaskomunikado ne komparebla kun la pasintaj jaroj. Tutlanda televid-kanalo 4 kaj 5 okaze la aranĝita Esperanto-ekspozicio en Báhmán kulturejo elsendis proprajn programojn pri la ekspozicio kaj Esperanto en aprilo. Tutlanada radio iam al iam en siaj kulturaj programeroj mencias Esperanton divrsteme kaj informcele.

La plej eldonkvanta kaj populara ĵurnalo "Hámŝahri" aperigis novaĵon kaj informojn pri Esperanto 6 foje. La monata scienca revuo "Ettela'ate Elmi" aperigis sinsekve dum 6 monatoj divers-specajn artikolojn informcele diskutante kaj kritikante pri Esperanto kaj tiel ekvekiĝis la publika intereso pri Esperanto. Somere la eldonejo de "la irana islama respublika televido kaj radio-Suruŝ" eldonis informlibron sub la titolo "600 demandaro kaj respondaro"dediĉante unu paĝon pri internacia lingvo Esperanto. En diversaj revuoj kaj gazetoj ankaŭ estis eldonitaj iaj novaĵoj kaj informoj pri E-o.

Esplorante oni ekscias ke preskaŭ ĉiusemajne E-o estis pridiskutita en la nacia amaskomunikado kaj tiu estas logika rezulto de la faritaj aktivecoj flanke de la Irana Esperantistaro.■

---

## *IREJO-ekskursoj en 1375*

| dato | loko |
|---|---|
| 19.11.1375 (7.2.97) | Ĝámŝidie Parko |
| 17.12.1375 (7.3.97) | Darabad |

- Anoncu vian aliĝon almenaŭ unu semajnon antaŭe.
- Estu preta en la antaŭ-anoncitaj haltejoj akurate, ĉar oni ne atendos vin pli ol la difinita.
- La aliĝkotizo estas 6000 Rialoj pagenda al s-ro Bagestani.
- La ekskurson konsistas diversaj programeroj kaj se vi ankaŭ havas proponon aŭ specialan programon, ne hezitu informi la ekskursgvidantinon f-ino Solát.
- Tel&Fakso (021) 6626913 donas detalajn informojn al la interesantoj.
- La ekskurso ne nur estas por la Esperantistoj, kunportu viajn geamikojn ĉar ankaŭ por la krokodiloj oni aranĝos interesajn programojn!

IREJO-Bulteno

La unu nura Esperanta periodaĵo eldonata en Irano interŝanĝinda kun la aliaj Esperanto-periodaĵoj! Ni pretas interŝanĝi nian Bultenon kun la via, bonvolu kontribui tiun ĉi valoran kulturagon.

Jam IREJO-Bulteno estas interŝanĝata kun : Riveroj, Monda solidareco, Koncize, GEJ-Gazeto, ICEM-Esperanto, Nova Vojo, La Dua Jarcento, Juen Esperanto, JEN, Interligilo, Informilo de EH, Aveno, la Skolta Mondo, Esperantista Vegetarano, LETERO el Zagrebo . . . kaj ni mankas la vian !

# Gvidlibro

# *tra la Esperanto-movado*

اطلاعات جامع دربارهٔ: UEA، TEJO

نشانی انجمن‌های ملی اسپرانتو در سراسر جهان

نشانی انجمن‌های بین‌المللی اسپرانتو

نشانی رادیوها، موزه‌ها، کتابخانه‌ها، بنیادها و مراکز خدماتی اسپرانتو در سراسر جهان

جهت دریافت کتاب فوق مبلغ ۳۵۰۰ ریال تمبر باطل نشده داخل پاکت به نشانی تهران، صندوق پستی ۱۷۷۶۵-۱۸۴ ارسال نمایید.

# *Esperanto-katalogo*
# *de*
# *IREJO-Libroservo*

## لیست کتاب، نوار، فیلم و نشریات اسپرانتو

*برای دریافت لیست فوق با صندوق پستی ۱۷۷۶۵-۱۸۴ مکاتبه نمایید.*

*هر فصل لیست جدید منتشر می‌شود.*